# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Nº 223 224 SEPTIEMBRE - DICIEMBRE 1977

## BARCELONO



En la sidejo de la Esperanto-Fako de Fomento Martinense, la 15-an Decembro je la oka vespere, oni festis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, kun prelegoj, filmoj kaj pemoj, post tio s-ro Jozefo Guitart Prezindato de la grupo, omaĝis al s-ro Ferrer kaj s-ro Camañes, du el niaj anoj per argenta plato.

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, nº 13, 3º nº 7 - Telf. (91) 446 80 79 — MADRID - 15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galvany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 — BARCELONA - 14.
**Comité de Redacción:** D. Llibert Puig, D. Giordano Moya, D. V. Hernández Llusera, D. Gabriel Mora y Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis de Yzaguirre.


## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Str.Rodríguez San Pedro, 13-3º,7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 — 7º
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 — 8º
MADRID-20

H.E.F.—Ĉekkonto: Nº 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
Pº Marina Moreno, 35 — 4º
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

**DONATIVOS PARA EL BOLETIN (1.977)**

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 5.600 |
| José Hernández | 50 |
| Juan García Martínez | 100 |
| Jaime Perarnau Ribera | 600 |
| Félix Martín Triep | 50 |
| José Palmero Pérez | 50 |
| Félix Martín Triep | 100 |
| Pedro Nuez | 2.000 |
| "Paco Kaj Amo" | 1.000 |
| Faustina Martínez | 1.000 |
| José Molina Bolinches | 50 |
| Dolores Martínez | 100 |
| Total | 10.700 |

# 19-a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO CORNELLA 17/18 SEPTEMBRO

Ĉi-jare, nia Kataluna Renkontiĝo disvolviĝis en "Cornellá", industria urbo ĉe la ĉirkaŭaĵo de Barcelono, -preskaŭ ties kvartalo-, loĝata de sepdek procentoj da enmigrintoj.

La esperantista okazajo komenciĝis sabaton vespere en la Kulturdomo de la urbo per la ekspozicio "La Monda Lingvo - Problemo". La inaŭguro de la ekspozicio estis sekvata de prelego en Kataluna lingvo fare de Frederiko Alberich, kiu disvolvis la temon "Esperanto en Acció", (Esperanto en Aktiveco). La parolado, kiel demonstro de la agado de esperanto, estis akompanata de kinaj projekcioj: la filmo de FIAT pri la aŭtomobilo 850 kaj filmoj pri internaciaj kongresoj de fervojistoj-esperantistoj en Avinjono kaj Tarragono. En sia parolado, s-ro Alberich reliefigis unue la disrompon, kiun okazigis en nia movado, pro nia enlanda milito kaj la dua internacia. Nia movado nun preskaŭ konsistas el maljunuloj kaj junuloj sen ĉenero de la mezaĝuloj.

Post tiu prezentado, li rimarkigis la grandajn teknikajn atingojn de nia civilizacio en kontrasto kun la lingva primitivismo. Oni povas vojaĝi rapidege tra multaj landoj, sed alirinte el la veturilo, oni ĉie sin trovas kvazaŭ surd-mutulo kaj analfabeto, ĉar oni ne povas sin esprimi kaj kompreni la aliajn.

Por forigi la lingvan baron, naskiĝis Esperanto, danke al la vigla personeco de D-ro L. L. Zamenhof. La preleganto rakontis la cirkonstancojn en kiuj disvolviĝis la vivo de la aŭtoro de Esperanto, kaj la humanecan senton, kiu puŝis lin krei la lingvon internacian kaj fondi la esperantistan movadon.

Jen, ĝi estas eksterordinara movado: Por ĉio en la mondo oni bezonas monon, eĉ por religia agado. La esperantismo disvolviĝas sen mono. Oni instruas la lingvon senpage. Pro spirita puŝo disvolviĝas Esperanto. Kontraŭe al tiuj, tiuj lernas aliajn

lingvojn, tiu kiu lernas Esperanton ĉie en la mondo trovas etoson de helpo kaj komprenemo; estas la internacia spirita etoso nur trovebla en nia movado.

La preleganto menciis la grandan kvanton de tradukoj kaj originaloj en Esperanto. Unue, la Biblio, tradukita de Zamenhof mem. Sekvis la nombrado de niaj kongresoj kun la nerakontebla humaneca etoso. Kontraŭe al ni, tiuj kiuj instruas Esperanton senpage, estas la forta propagando de tiuj, kiuj instruas naciajn lingvojn, oni promesas, ke per malmulta tempo oni povas ellerni tiajn lingvojn. Iuj pagas kaj enskribiĝas en kursoj, kiuj baldaŭ estas forlasitaj de la lernantoj. Poste, oni ripetas la propagandon kaj enskribojn, kio entute konsistigas monprofitan negocon.

Ni, maljunuloj, devas instigi la junulojn al vigla agado. Nia agadas sopirante, ke la junuloj agu pli luktante. Ni konsilos kaj kuraĝigos ilin por ke aktiva agado baldaŭ entrudos Esperanton tielgrade en la socion, ke la resgistaroj devis gin oficialigu.

. . . . . . . . . . . .

Dimanĉon matene, post la disdonado de la insignoj en la Kulturdomo, okazis la Sankta Meso en la preĝejo "S-ta Maria de Cornellá". Celebris la Meson kun prediko en Esperanto, Pastro Manuel Casanoves C. M. F.

En la Meso estis legata el la libro de profeto Amos rilate tiujn, kiuj penas piedpremi la malriĉuloj kaj pareigi la humilulojn.

Pastro Casanoves komencis sian esperantan predikon aludante la vortojn de la profeto Amos: -"Estas oportune, hodiaŭ, en la Kataluna Renkontiĝo kaj ĉi tie en la laborema urbo "Cornella", kiu ĉiam plendis por justeco, aŭdi voĉojn el la profeto Amos. La voĉo de la profeto Amos post dumil sepcent jaroj parolas pri la problemo de la homaro, kiu estas la sama tra la tuta historio. Estas la laboro kaj la bono



de aliaj homoj. La samo, kiel antaŭ 2.700 jaroj, en la tiel aktuala konflikto de la panistoj. La kilogramoj ne estas egalaj. Oni trompas nin per malgrandigitaj mezuroj aŭ pesiloj. Estas malgrandaj vendistoj, kies mesogetoj jam estas laŭmetie. Sed estas grandaj mensoguloj, malmoralaj spekulantoj, kiuj suĉas la tutajn havaĵojn kaj eĉ la sangon.
Ni aŭdigu la voĉon de la ekspluatistoj, kiel diras la profeto Amos: Aĉetu la malriĉuloj... Sed Li el la polvo restarigos la malriĉulojn kaj tio kontraŭa por la riĉuloj. El la skribaĵo aŭdu kaj pripensu en la kadro de la diservoj. Tamen ankaŭ la kredantoj estas pekuloj. Ne pro la religia kredo, sed malgraŭ la religio estas pekoj. Ne ĉiu prenis sian religion serioze. Kiam Lenino diris tion kontraŭ la religio li pravis pri la falsa religio, ne pri la vera religio. Rilatas al supraĵa religio, al nuraj ceremonioj, ne pri religio, kiu ne estas sterila.
Antaŭ du dimanĉoj, ni vidis surskribita sur preĝeja muro: "Dum vi preĝas 20.000 laboristoj luktas por siaj rajtoj". Malsaĝeco far la skribintoj. Mi preĝis por tiuj laboristoj. Sed ili netute malpravas pri falsa religio: Potenculoj volas protekti sin rifuĝante en la religion: tute senutile. Tondris la vorto de Jesuo: "Neniu servanto povas servi al du sinjoroj; Dio aŭ mono". Antaŭ la dilemo servi al Dio por la libereco aŭ servi al la mono por fali en sklavecon, ĝoje servu al la Sinjoro"



Post la Meso, okazis la fotografado antaŭ la portalo de la Preĝejo, kaj tuj la akceptado en la Urbodomo.
Starante sur la podio de la ĉefsalono, ricevis nin s-ro Juan Seijo Viñas, unua suburbestro pri kulturo kaj sporto; s-ro Antonio Mariscal, urbkonsilanto pri festaĵoj; kaj s-ino Pilar Ponts, urbkonsilantino pri saneco kaj socialaj aferoj.
La suburbestro s-ro Seijo, akceptis nin per bonvenigaj vortoj.
Li diris, ke "Cornellá" havas cent mil loĝantojn kaj troviĝas en la areo de la metropolo Barcelono kun multaj problemoj;

tamen, la konsilantaro estas amantoj de la kulturo. Kiam oni proponis Esperantistan Renkontiĝon, ni diris, Jes! Estas agrable por ni la disvolviĝo de via agado kaj ni estas certaj, ke vi atingos la espereblan sukceson. Estu bonvenaj.
S-ro Petro Nuez, nome de la Esperantistoj, dankis la aŭtoritatulojn kaj diris, ke li esperas, ke la Renkontiĝo estu la komenco de granda esperantista movado kaj la estiĝo de esperantista grupo en la urbo "Cornella". Post tiuj vortoj, li donacis por la urba libraro "Katalunan Antologion".
Al tiu donaco, la urbaj aŭtoritatuloj reciprokis per la disdono, al ĉiu esperantista grupo de Katalunio, de arta gravurita tabuleto, rememoro de la okazaĵo.
Per Lunĉo, regalo de la urbkonsilantaro, ĝoje finiĝis la akceptado.

. . . . . . . . . . . .

Ni aliris al nova kvartalo, kie troviĝas la nomota strato aŭ pasejo Zamenhof. La suburbestro, Juan Seijo, antaŭ la skulptita tabuleto, kiu nomitas la straton "Pasaje Doctor Zamenhof -Esperanto-" diris: ke, ĝi estas kastililingve, ĉar la sepdek procentoj da loĝantaro parolas tiele. La strato troviĝas en la nerva centro de "Cornellá" kvartalo Sant Ildefons, aparte de la antikva centro, kie staras la urbodomo. Ni elektis tiun ĉi lokon, por ke ĝi sciigu pri Esperanto.



S-ro Alfonso Tur, nome de la esperantistoj, dankis la urbon "Cornellá" en Esperanto, por ke oni aŭdu la internacian lingvon. "Ni estas dankemaj al Cornellá pro la afableco de la nomigo de tiu ĉi strato kaj pro la donaco de la nomiga tabuleto.-Miaj vortoj ne bezonas tradukon-, ke oni ilin aŭdu. Por Esperanto ne ekzistas lingvaj baroj. Estinta prezidanto de Aŭstrio estis esperantisto. Ankaŭ UNESKO rekonas Esperanton. Dankon!"
Ĉeestanta esperantisto, s-ro Fernandez Jurado, kandidato en la lasta balotado, atentigis, ke la tabuleto estas redaktita kastililingve.
La suburbestro respondis, ke oni dulingve duobligos la nomon.

. . . . . . . . . . . .

El la nova strato Zamenhof, ni iris al la Kulturdomo, tie, en la aŭditorio, sub la prezidanteco de la suburbestro Juan Seijo kaj de la urbkonsilantino s-ino Pilar Ponts kaj membroj de la Kataluna Kunordiga Komitato de HEF, s-ro Puig malfermis la sesion kaj diris, ke ĉiujare en la Renkontiĝoj la Kataluna Komitato prezentas novaĵojn. Ĉi-jare ni prezentas al vi informadon, seminarion pri la funkciado kaj la plenumindajn taskojn. Post tiuj vortoj, la junulo Joan Manaú, per fortepiano, interpretis muzikaĵojn de Chopin, Schubert kaj la sardanon de Enrich Morera "La Sankta Dorno".
Jam en la informa interveno s-ro Moya legis pri la distribuado de taskoj en la Renkontiĝoj: Pri ekspozicioj kaj prelegan-

to zorgas la grupo "Stelo de Paco"; lotumado, grupo de "Amikoj de UNESKO"; tagmanĝo, la fervojistoj; informado, grupo Moiá; presaĵoj, grupo "Joventud Terrassenca"; distribuado de insignoj kaj kaso, "Centro Sabadell"; kaj restas la Arta Festivalo ĝis nun zorgata de la junuloj, laŭbezone.

Pastro Casanoves informis pri la projekto renaskigi la Florajn Ludojn. Li en brila prelegeto, rakontis pri la origino en la mezepoko de la Florajn Ludojn el la Okcitanio. La kataluna reĝo Johano, la Unua, alvenigis trobadorojn, kaj stablis la Florajn Ludojn en Katalunio. En 1899, la Floraj Ludoj renaskiĝis en nia lando, kaj en la 5-a Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono, en la jaro 1909, la Floraj Ludoj, kiel internacia literatura konkurso, estis inter la plej elstaraj eroj de la Kongreso. Pastro Casanoves menciis la famajn partoprenantojn kaj la premiojn. Inter la premiitoj, estis la poste fama Carles Riba, tiam junulo 16-jara, kiu gajnis la 37-an premion per la poeziaĵo "Ni fosis nian sulkon".

De tiam, pro la kataluna influo en la 5-a Universala Kongreso, ĉiujare, en la sekvantaj Kongresoj, okazas Literatura Konkurso. La Tiama Kataluna Federacio, en la Katalunaj Kongresoj, ĉiujare organizis Florajn Ludojn, kiuj vere estis internaciaj. Esperanto ne iras kontraŭ la naciaj lingvoj. La esperanta Kataluna Antologio konigas tutmonde la katalunan lingvon. La restatigo de la Floraj Ludoj estos prestiĝo por nia lando kaj ankaŭ por Esperanto. Sed estas malfacilaĵoj: La bezonata mono por la premioj kaj la konsistigo de prestiĝa juĝantaro.



S-ro Puig, post la brila prelego de Pastro Casanoves, demandis sin: Ĉu ni nun kapablas organizi Florajn Ludojn? La afero estas giganta...; kaj sekve li transdonas la parolon al s-ro P. Nuez, kiu informas pri la okazigo de pedadogia seminario. Ĝi okazos en Sabadell, je la unua tago de novembro. En tiu seminario partoprenos s-ro Gentil Puig, rilate Pedadogion; P. Nuez pri nivelo de instruado; Pastro Casanoves

pri Unuecaj ekzamenoj. Oni ankaŭ aranĝos Instruan Komisionon.
S-ro P. Nuez reliefigis, ke por gvidi kurson, tio plej precipa estas bonvolemo, kaj plendis por ke en la dua etapo de la baza edukado Esperanto estu enkondukata samrajte kiel la franca kaj la angla lingvoj.
S-ro S. Aragay menciis ankaŭ alian projekton: eldoni la tre necesan informilon por la neesperantista publiko. "Ni pretendas ĝeneralan informadon en Kataluna lingvo kaj en moderna maniero. Gi devas enhavi la adresojn de la esperantistaj grupoj kaj respondecaj personoj por informado".
Fine, s-ro A. Tur informis pri la ekonomia projekto, ĉar bedaŭrinde, li diris, oni ĉefe bezonas monon. Estas projekto de lotumado laŭ la premiitaj numeroj de la blinduloj. Li aldonis: Oni devas stabligi fonduson por la organizo de la venontaj renkontiĝoj.
Post tio, humore, zorgata de s-ro Federic Alberich, okazis lotumado de sep libroj. Krome, s-ro Jaume Perernau remenoris la forpasintan esperantistinon Agustina Roca, vidvino Rebollo. Ŝia edzo okaze de la Nacia Kongreso en Pontevedra subite mortis kaj estis enterigita tie, en la propra lando de lia naskiĝo. Lia vidvino, Agustina Roca, jam kvindekjara, ellernis Esperanton kaj ĉeestis ĉiujn niajn kongresojn. La kanto de la Espero, akompanata de Joan Manau per fortepiano, estis la fino de la okazaĵo.
Sub la prezidado de la aŭtoritatuloj disvolviĝis la ĉiama agrablaĵo de la bankedo en proksima restoracio. Por la venontan Renkontiĝo oni menciis la urbon Tortosa. Do, sukcese ĝis...

G. Moya

# PRI "ĈEF" KAJ "FAR"

Konstatinte, ke en la verko "Fundamento de Esperanto" ĝia aŭtoro D-ro Zamenhof eksplicite tradukis la ekvivalenton de la radiko "ĉef" en la sencon de estro (ĉefo), jen kial mi miras, ke eĉ oficialaj instancoj de la Movado, se ne diri altrangaj esperantistoj, daŭre uzas -miaopinie erare, kion sendube pruvas la tiurilataj ekzemploj en ĉi kunlaboraĵo- la radikon ĉef kiel pseŭdoprefikson.
Certe PIV - cetere neoficiala vortarego, enhavanta multajn vortojn, kiujn meritus la epiteto evitinda- registras kaj eĉ iel implicite proponas la radikon "ĉef" kiel prefikson. Per la Fundamentaj akvofalo (falo de akvo) kaj falakvo (akvo de falo), Zamenhof klare donis kategorian ekzemplon por la Esperanto kunmetado. Same ŝipvelo (velo de ŝipo) estas la inverso de velŝipo. Do, laŭ tiu logika Fundamenta analizo ĉefinsigno ne estas ĉefa insigno, sed ja insigno de ĉefo, nek ĉefverko estas ĉefa verko, sed simple verko de ĉefo. Prefere oni diru anstataŭ ĉef: precipa insigno, precipa verko k. t. p.
Rilate la nenecesan enkondukon de "far" (ag) kiel nudan radikon, do kiel prepozicion, anstataŭ la laŭfundamentaj, farita -ata-ota de aŭ fare de, se ĝi prosperus, tio estus kaŝa reformo de la esperanta strukturo, ĉar samprecedence kaj egalrajte naskiĝus: Artikolo verk Serrano; letero skrib Aragay; plumo fabrik Parker, k. t. p.
Ĉu oni do devas imiti tiajn daŭrajn reformojn, kiuj evidente disdialektigas nian Esperanto? Decide, ne!

V. Hernandez Llusera



# D-ro HERRERO, EN PACO RIPOZU!

Tiuj, kiuj lin konis kaj havis la plezuron konversacii kun li, certe restis agrable surprizitaj de lia afabla kaj bonvola konduto.
Kiuj ĝuis liajn elokventajn kaj favorajn paroladojn, precipe en okazo de iu Hispana Kongreso de Esperanto kaj ankaŭ en aliaj manifestacioj esperantistaj regionaj, periode organizataj, al kiuj li ĉiam estis preta alporti sian prestiĝan kunlaboron, tiuj personoj eterne lin rememoros kun granda admiro.
Kvankam mi ne povas komentarii lian altruistan "okup-plurecon" esperantistan, tial ke estus necese skribi multajn liniojn por kompletigi ĝin, tamen mi deziras anticipe mencii la eksterordinaran kontribuon kiun D-ro Herrero konstante alportis al "Radio La Voz de Levante" en Valencia, kaj ankaŭ al "Boletín",, en kiuj li senlace kunlaboris per objektivaj artikoloj, kelkaj el ili subskribitaj sub la pseŭdonimo D-ro Cirano.
Ĉiuj ni, sen escepto, estas konsciaj, do, pri la dolora perdo, kiun ni suferis, la esperantistoj hispanaj, per la persono de D-ro Rafael Herrero Arroyo, kiu dum sia tuta vivo laboris ekzemple por la nobla idealo de Zamenhof.
Kvankam aliaj kronikoj nekrologaj, probable pli ampleksaj, aperos en iuj revuoj esperantistaj, mi ne povas reteni la emocion skribi ĉi-tiujn liniojn en honoro al la estimata amiko kaj distinginda kolego en la redakcio de "Boletín" de Hispana Esperanto-Federacio.
Al lia vidvino, sinjorino Pilar García, gefiloj kaj cetera familio la sinceran kondolencon de

V. Hernandez LL kaj HEF-anoj

D-ro Rafael Herrero Arroyo, forpasis la pasintan 28-an de novembro 1977-a

# 33-a Internacia Junulara Kongreso de T.E.J.O. POITIERS—FRANCUJO

Por multaj kongresanoj la 33-a I. J. K. ne nur estis travivaĵo, sed ankaŭ tralaborajo. Tion pruvas noktaj komitatkunsidoj, longaj kunvenoj de laborgrupoj kaj diskutrondoj, kaj ankaŭ la bonegaj rezultoj de la multe privarbita varbsesio "varbuno".
Plej alta kongresnumero estis 351, fakte venis ĉirkaŭ 300 junuloj el 25 landoj. Dum la Kongreso ili decidis longan REZOLUCION; sed momente pro la eta spaco oni nur publikigas etan parton, ĝi tekstas jene:

La kongreso

- rekonante, ke la celoj de UNESKO kaj UEA/TEJO estas grandparte komunaj, atentigas pri la neceso kunlabori kun ties organoj sur ĉiuj niveloj,
- elirante el la fakto, ke la armado kaŭzas perdon de naciaj riĉajoj kaj kontraŭas al malstreĉigo inter la popoloj,
- kun kontento rimarkas, ke la malstreĉiĝo fariĝis la dominanta tendenco en la internaciaj rilatoj kaj
- salutas la Mondan Festivalon de Junularo kaj Studentaro okazontan en Habana 1978, kaj la Kongreson de Internacia Ligo pri la Rajtoj de la Popoloj okazontan en Barcelono, decembro 1977, kaj
- alvokas la atenton de la partoprenantaro al pripenso pri la rolo, kiun la lingva demando ludas rilate la rajtojn de la popoloj, nome, ke la lingva kaj kultura subpremado estas iloj de imperiismo kaj ankaŭ, ke strebado al egalrajteco sur la lingva kaj kultura kampoj estu komuna por ĉiuj, kiuj strebas al pli justa socio.



# DUM MATENO ĈE L' MARBORDO —Al la maro la koro min tiras—



Dum mateno, ĉe l' marbordo,
plezurigas min la mar'
la raŭk-sono nur aŭdiĝas
de la blekoj de l' ondar';

Kiuj vekas fiŝkaptistojn
al labor' de l' fiŝkaptad';
al mi plaĉas tie resti
pro la ĉarmoj de l' vidad'

En hor'frua blankaj mevoj
jam anoncas pri l' novtag';
ili iras kaj revenas
super maro kiel sag'.

Fiŝkaptistoj tuj pretiĝas
barkon veli kun kuraĝ',
kaj post baldaŭ sur la akvo
ekvidiĝas barka naĝ'.

Kiom bela tio estas
ĉe l' marfreŝo de maten'!
Ĉe l' marbord' en tiu horo
malaperas korkaten'.

For de l'urbo malpacema
min altiras mara bel'
per moviĝoj de ondaro,
kun blanckec' de ŝaŭm-mantel'.

Al la ondoj mi rakontas
nur revante, en solec',
ke l' klopodoj por la vivo
komenciĝas en junec'.

Malkovriĝas mia koro
en esprimoj de sufer'!
kiom akra kaj maldolĉa
por mi estis patrin-ter'!



Bru'konfuza, iom stranga,
venas de l'ondar' al mi,
kaj per plaŭdoj sur marbordo
marsekretojn diras ĝi.

Kaj en revoj sin prezentas
mia ĉarma marfein',
kies vest' purpura brilas,
kies briloj logas min.

Ĝi parolas al mi longe,
kun rideto sur la lip'.
pri l' impet' de l'ond' giganta,
pri l' sur mar' vetur' de sip'.

Pri la ĝoj' de l' fiŝkaptistoj
dum la fiâkaptada ir,'
pri l' senfina blu' de l' akvo,
kio estas mia mir'.

Mian koron ĝi plenigas
kvazaŭ sorĉe, ĉe l' marbord'
per inspir' de noblaj pensoj,
laŭ muzika marakord'.

Dolĉa sveno min ekkaptas,
mi min lasas al la Sort',
dum min ravas per beleco,
de l' feino ĉiu vort.

Kaj sur sablo reviviĝas
mia ĉagrenita kor',
kaj la ondoj karesemaj
ĝis mi venas kun ador',

Brila tag' alproksimiĝas
de somera la sezon',
kaj el mar' aŭdiĝas klare
la mistera onda son'.



La feino malaperas
pro l' radioj de la sun';
mi foriras de l' marbordo
ĉar labor' min vokas nun.

Svarmas jam la urb' vekita,
ĉio ŝajnas nur plezur',
ho, malvero! ĝi ne plaĉas,
nur ja plaĉas marlazur'.

Kaj la tagon mi pasigas
kun l' anim' sen ia ĝu';
ĝis venonta la mateno
min ne lulas l' onda bru'.

Ve, se mankus al mi maro,
kun sekretoj de l' profund'!
ve, se mankus marfeino,
ĉe l'kor' iĝus forta vund'!



Josep Ventura i Freixes
Terrassa



# PIROPOJ



Kio estas piropo? Tiu ĉi kastililingva vorto estas la neologisma ekvivalento de galanta laŭdo-esprimo, de spirita delikataĵo, per kiu, precipe en sudlanda Hispanujo, oni sincere kaj spontanee montras sian admiron al la fizikaj kvalitoj de renkontiĝanta belulino. La subskribinto, dum pluraj jaroj publike laboranta kune kun andaluza kolego, ofte ĝuis ĝentilajn frazojn, gajajn esprimojn, komplimente al la belaj klientinoj daŭre vizitantaj mian ŝuriparejon.

→

Hispanaj virinoj ĉiam akceptas kun danko kaj fiero tiujn agrablajn vortojn (piropojn), kompreneble se ili estas dece kaj repektoplene dirataj.

Kiel ekzemplojn mi elektis du el tiurilataj anekdotoj; kiuj kredeble plej objektive ilustros ĉi tiun kunlaboraĵoj. Jen ili:

La hispana markizino de Squilache, tre prestiĝa kaj simpatia sinjorino el la aristokrataro en Madrido, dum la komenciĝo de la nuna jarcento, daŭre kutimis kunigi en siajn salonojn, ĉiun vesperan ĵaudon, selektitan grupon de geamikoj por briĝo-ludado. En iu el tiuj kunvenoj neatendite ĉeestis sinjora moŝto Edvardo Dato, tiutempe Ĉefministra Prezidanto en Hispanujo - pompe vestita per brila, oficiala uniformo -ĉar li estis ĵus finiĝanta projekton de leĝo- projekto en la kortesoj ( Leĝo fara ŝtata asembleo hispana), institucio, kiu situis tre proksime de la palaco de markizino Squilache.

Vidante lin eniri tiel impone vestita, la markizino kun simpatia rideto flatis s-ron Edvardo Dato jene: Kiel belaspekte vi impresas hodiaŭ, s-ro Edvardo! Al kio s-ro Dato- homo grandmonda, kun neofta galanteco - rapide respondis: Tra viaj tiel belaj okulegoj, kiel vi povas vidi ion malbela?

---

Jen la alia "piropo", kiu certe estas iom pli aŭdaca: En la sudhispana urbo Seviljo, okaze de ĝiaj tradiciaj festoj de printempo, promenadis akompanate de sia edzo tre bela sensacia virino, kies apetitiga figuro kaŭzis ĉies admiron.

La geedzoj haltis en kafejo por trinki ion kaj samtempe ripozi. Tre proksime de tiu paro, gaje konversaciis grupo de amikoj, en kiu troviĝis la loka Urbestra Moŝto, kiu rimarkante tiun belagan virinon tuj ekstaris kaj en deca tono alparoles ŝian edzon jene: Permesu, sinjoro, ke mi vin gratulu nome de la tuta loĝantaro de la urbo Seviljo, ĉar ja la edzo kiu ŝancas akompani tian eksterordinaran kunilinon nepre devas esti enviita de ĉiuj. Ekpretis respondi la edzo, kiam lia edzino tuj vigle aldiris: kial, sinjoro? Senmotive, ĉar mi jam havas sep gefilojn! Al tio replike aldonis la urbestro, respekte demetante sian ĉapeton kaj ruze movante brovon per signifoplena okulstreĉo: Estas kompreneble, sinjorino, estas tute kompreneble!

V. Hernandez Llusera

# CUENTA DE TES

## COBROS

| | |
|---|---|
| Saldo en 1 de enero de 1.977 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 30.805,86 |
| Cuotas atrasadas . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 2.000,-- |
| Cuotas de 1.977 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 68.350,-- |
| Reembolsos (cuotas 1977 más gastos) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 59.521,-- |
| Cuota de Dumviva Membro 1.977 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 10.000,-- |
| Venta de números atrasados de Boletín . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 4.560,-- |
| Donativos para el Boletín 1.977 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 7.700,-- |
| Intereses del Banco Español de Crédito . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 16,69 |
| Entregado por el LIBROSERVO de H.E.F. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 10.000,-- |
| Donativos para el F.A.L.P. (593, 442 - 586, 442) . . . . . . . . . . . . . . . | 7.000,-- |
| Cuotas anticipadas para 1.978 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 2.700,-- |
| | 202.653,55 |

Angel Figuerola
Presidente de H.E.F.

# RERIA AÑO 1.977

## PAGOS

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría | | 2.721,— |
| Tesorería | | 7.231,— |
| Facturas de Ibergráficas, S.A. (tres números del Boletín) | | 81.216,— |
| 4.000 bolsas para envio del Boletín | | 4.505,— |
| Impresión de las mismas | | 800,— |
| Gastos de envio de Boletín (tres números de 1977) | | 1.709,— |
| **Pagos pendientes de 1.976** | | |
| 6º número de Boletín 1976 (Fact. de Ibergráficas) | | 27.072,— |
| Factura de Eldona-Fako 1976 | | 8.331,— |
| **Gastos de local y oficina** | | 31.725,— |
| Comunidad de propietarios | 12.480,— | |
| Contribución 1977 | 2.525,— | |
| Teléfono | 10.421,— | |
| Luz eléctrica | 2.599,— | |
| Portero | 800,— | |
| Limpieza de Secretaría | 2.900,— | |
| **Local de Secretaría** | | |
| Hipoteca de la Caja de Ahorros | | 15.147,— |
| | | 180.457,— |
| SALDO A CUENTA NUEVA | | 22.196,55 |
| | | 202.653,55 |

Gerardo Flores
Tesorero

# BALANCE DE SITUACION e

| | | |
|---|---|---|
| **DISPONIBLE** | | 22.196,55 |
| Caja y Bancos | | |
| **RECUPERABLE** | | 49.000,-- |
| Beneficio del Congreso Sabadell | 19.732,-- | |
| Donativos pendientes para Boletín | 29.268,-- | |
| **REALIZABLE** | | 96.719,-- |
| Existencias del LIBROSERVO de H.E.F. | | |
| **MATERIAL CONSUMIBLE** | | 7.000,-- |
| Cartas, sobres, sellos, bolsas, etc. | | |
| **INMOVILIZADO** | | 754.736,-- |
| Local en propiedad | 692.500,-- | |
| Mobiliario adquirido | 8.160,-- | |
| Mobiliario donado | 25.000,-- | |
| Instalación eléctrica | 3.900,-- | |
| Máquina de escribir | 4.016,-- | |
| Fianza Unión Eléctrica | 1.160,-- | |
| Impresora FIMI, donada | 20.000,-- | |
| | | 929.651,55 |

Angel Figuerola
Presidente de H.E.F.

# 31 de diciembre de 1.977

| | | |
|---|---|---|
| **EXIGIBLE** | | 41.378,23 |
| Hipoteca del local de Secretaría | | |
| **FUNCIONAMIENTO** | | 110.515,-- |
| Cuotas 1978, cobradas en 1977: | 2.700,-- | |
| Factura de Eld.–Fako 1977, pendiente | 11.599,-- | |
| Cuota de U.E.A. 1977, pendiente | 15.000,-- | |
| Factura de Ibergráficas, pendientes (Boletines nº 4,5 y 6/1977) | 81.216,-- | |
| **PATRIMONIO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO EN 31 DE DICIEMBRE DE 1.977** | | 777.758,32 |
| Saldo en 31. XII. 1976 | 775.406,37 | |
| Excedente del año 1.977 | 2.351,95 | |
| | | 929.651,55 |

Gerardo Flores
Tesorero

# CUENTA DE RESULTADOS — AÑO 1.977

**INGRESOS**

| | | |
|---|---|---|
| Cuotas atrasadas | 2.000,— | |
| Cuotas de 1977 | 68.350,— | |
| Reembolsos de cuotas 1977 más gastos | 59.521,— | |
| Cuota de Dumviva Membro 1977 | 10.000,— | |
| Donativos para Boletín 1977 | 7.700,— | |
| Venta de números de Boletín atrasados | 4.560,— | |
| Intereses del Banco Español de Crédito | 16,69 | |
| Beneficio de LIBROSERVO de H.E.F. | 9.802,— | |
| Cuotas de 1977 cobradas en 1976 | 27.500,— | |
| Donativos para Boletín 1977, cobrados en 1976 | 3.000,— | |
| Donativos para el F.A.L.P. | 7.000,— | |
| Beneficios del Congreso de Sabadell (pendientes) | 19.732,— | |
| Donativos para Boletín 1977 (pendientes) | 29.268,— | |
| Suman los ingresos | | 248.449,69 |

**GASTOS**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Secretaría y Tesorería | | 18.257,— | |
| Valor del material en 1/I/77 | 10.000,— | | |
| Gastos y compras en 1977 | 9.952,— | | |
| Bolsas impresas para envío Boletín | 5.305,— | | |
| | 25.257,— | | |
| Valor del material en 31/XII/1977 | 7.000,— | | |
| Consumido durante el año 1977 | 18.257,— | | |
| Imprenta Ibergráficas, S.A. | | 81.216,— | |
| Gastos de remesa del Boletín | | 1.709,— | |
| Gastos del local y oficina | | 31.725,— | |
| Intereses de la hipoteca | | 5.375,74 | |
| Cuota de U.E.A. de 1977 (pendiente) | | 15.000,— | |
| Factura de Eldona Fako 1977 (pendiente) | | 11.599,— | |
| Ibergráficas (tres números 1977, pendientes) | | 81.216,— | |
| Suman los gastos | | | 246.097,74 |
| EXCEDENTE | | | 2.351,95 |

Angel Figuerola
Presidente de H.E.F.

Gerardo Flores
Tesorero

# ELDONA FAKO DE H.E.F.
# ZARAGOZA

**RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE F.E.E.-1.977**

| | | |
|---|---|---|
| Saldo a favor en 1976 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 13,— | pesetas |
| **INGRESOS:** | | |
| Por venta de material . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 15.056,— | " |
| | 15.069,— | " |
| **GASTOS:** | | |
| En material, según nota presentada . . . . . . . . . . . . . . . . | 11.905,— | " |
| Pago al Instituto Nacional del Libro . . . . . . . . . . . . . . . | 900,— | " |
| Correo, etc. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.784,— | " |
| | 14.589,— | " |

**RESUMEN:**

| | | |
|---|---|---|
| Ingresado . . . . . . . . . . . . . . | 15.069,— | pesetas |
| Gastado . . . . . . . . . . . . . . . | 14.589,— | " |
| Saldo a favor . . . . . . . . . . . | 480,— | " |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1977
Inés Gastón

---

En relación con la cuenta especial motivada por la edición de "KUN SOPIRA KORO", la Sección Editorial -al 31 de diciembre de 1977- sólo tiene pendiente de reintegrar 8.000 pesetas de las 50.000 que para esta edición recibió. Finalizada la devolución de aquella cantidad, los ejemplares restantes incrementarán el fondo de ELDONA FAKO DE H.E.F.

# RESUMEN DE CUENTAS DE LIBROS DE H.E.F. 1977

| | | |
|---|---|---|
| Libros vendidos en 1977 | | 59.779,– |
| Valor de compra de los mismos | | 45.909,– |
| | Beneficio bruto | 13.870,– |
| | Gastos diversos | 4.068,– |
| | **BENEFICIO NETO** | **9.802,–** |

| | |
|---|---|
| Existencias en 1 de enero de 1977 | 96.917,– |
| Beneficio neto de Libroservo en 1977 | 9.802,– |
| | 106.719,– |
| Entregado a la Caja de la Federación | 10.000,– |
| **EXISTENCIAS EN 31 DE DICIEMBRE DE 1977** | 96.719,– |

Madrid, 31 de diciembre de 1977
Félix Gómez Martín
Vicepresidente de H.E.F. y
Encargado de Libroservo.

**DONATIVOS PARA EL F.A.L.P**
(Fondo para la Adquisición del Local en Propiedad)

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 592.942 |
| Rafael Blanes | 500 |
| Total | 593.442 |

**SOCIOS PROTECTORES DE H.E.F. PARA 1.977**

25 – Jaime Perarnau Ribera (1.008)
26 – Dolores Martínez Martínez (2388)
27 – Félix Gómez Martín (598)

**NUEVO DUMVIVA-MEMBRO DE H.E.F**

27 – Francisco Azorín Poch (2327)



# "DON KIĤOTO" en traduko de F. De Diego



La hispanlingva traduko de la ĉefverko de Cervantes estis, jam delonge, sopiratajô de ĉiuj hispanaj esperantistoj kaj, ne malpli, de tutmondaj literaturemantoj.

Plurfoje ĝi estis parte tradukita (Pujula, Mangada, Ludoviko Hernandez) kaj ĉi lasta preskaŭ finis la taskon, sed li ne trovis mecenaton, kaj la flaviĝintaj paperaĵoj kuŝas en malnova ŝranko ĉe liaj familianoj! Nur du ĉapitroj povis esti eldonitaj: "La aventuro de la galeruloj" kaj "La malprudenta scivolulo".

La malnova kastilia lingvo de Cervantes malfaciligas la ĝustan tradukon ĉar la signifo de tiutempaj vortoj kaj frazoj ne estas, hodiaŭ, la sama. Plie, la dekomencaj multenombraj intermitaj poeziaĵoj komplikas, supermezure, la identecon de sencon kaj rimo, kaj tio malkuraĝigis multajn entreprenojn de la giganteca tasko.

Post longa atendado, nia anaro eksciis ke tia sopiro havi realigon. Efektive: la longa strebado de la nuntempa akademiano Fernando De Diego trovis la meritan premion. La familio Manteca-Cano, en Alicante kaj victor Ortiz, el Zaragoza, inicitis la mecenatecon, kaj "Fundación Esperanto" ebligis la lanĉadon de la verko. Dank' al ili ni povas enmanigi la "Kihoton".

La rango de la tradukinto estis garantio de kontentigo, kaj, tial, ni esperis ke tiel estus.

Boloix prezentis al ni belan, bone binditan libron, ilustritan per la konataj inkdesegnaĵoj de Gustavo Doré, bedaŭrinde iom malhelajn, sed ili, tamen, allogigas la aspekton de la libro.

La detala recenzo de la traduko bezonus pli ol unu jaron da lupea laboro, sed la necese rapida informado de niaj legantoj postulas, almenaŭ, skizan inspektadon, kiun mi faris, laŭlonge de la antaŭparoloj kaj de kelkaj ĉapitroj; tio sufiĉos por ke la legonto bone taksos la valoron de la traduko. Mi ne bezonas emfazi tiun de la ĉefverko de Cervantes, kiu vivas ĉe la sama linio de Shakespeare, Dante kaj eĉ pli ol Lope de Vega.

La ĝenerala kvalifiko estas bona, eĉ laŭda. Kiel antaŭdirite, ĉar la tasko estis kruta. De Diego pruvis, per ĝi, ke lia kono de vortprovizo atingas la plej profundajn poŝandulojn de la allasaĵoj de Waringhien en la P. I. V. kaj li uzis ilin malavare.

De Diego klarigas, en sia alira komento, ke li ne intencis traduki vortojn, sed, pensojn, ne devojiĝante multe de la originala stilo. Li tiel faris, ĉar la piedlitera traduko estus peza, eĉ konfuziga.

En tiu linio, li falĉis, kiel eble plej, afiksojn; senkompate, li forigadis "mal" laŭpove! Li anstataŭas "Malbona" per "mava", "Maldekstra" per "liva", kaj, eĉ, danĝere, "malespero" per "despero".

La ĉefa atuto de propagandistoj kaj instruistoj de elementa Esperanto kuŝas ĉe la simpleco de la konstruo de vortoj dank'al la ŝparado de novaj, pro la grandega helpo farita de afiksoj. Ciuj el ni ĝuas pruvinte tion antaŭ niaj konvinkitaj lernantoj; sed, ni konscias ke, kiam Esperanto estos triunfinta, la normala lingvo estos, tiucerte, alia ol ĝi estas nuntempe, kaj la aktuala sistemo kiu faris la fortunon de Esperanto ne havos la saman pravigon en la feliĉa es-

tonteco, ĉe la plena regado de la lingvo. De Diego dorlotas, eble troe, tiun inklinon, celante, sendube, parigi la stilon de Cervantes kun la esprimivaj eblecoj de la lingvo internacia.

La tradukinto malzorgis klarigi la signifon de "Don"; ĉar la nehispanaj novelistoj aplikas "Don" al familiaj nomoj, kaj estas ofta la erara algluo de: Don Martínez, aŭ, Don González.

Tial ke oni esperantigis, jam "Don Kiĥoto, mi pensas ke estus pli bone dispartigi la akceptitan vorton, evitante, tiel-ĉar la titolo estis skribita per la hispana grafismo- ke la leganto pronunco Don Kuijote, akceptante, de antaŭe, ke li havu la Q en sia nacia lingvo!

La fideleco al la originalo tradukigas "Mancha"; tamen, poste, ni legos: Gaŭlion, Toskanion, Italion. Kial ne Manĉion Aŭ Manĉujon?

Kelkaj jam rimarkis la oftecon de "sen" antaŭ infinitivo, kio ŝokos multajn legantojn. Mi komprenas ke estas malfacile resti fidela al la stilo de la frazo, ĉar la hispana konstruo permesas tion.



La sama kialo influis por ke la tradukinto, tre ofte, ne antaŭmetis la koncerna personan pronomon uzinte verbon, kio povas erarigi aŭ konfuzigi: Ekz.: lombardis (ne menciante kiu lombardis), ĉar en hispana lingvo ĉiu persono de la sama tempo havas sian propran vorton, la persona pronomo ne estas nepre necesa. Tion scias tre bone la tradukinto, sed, la fideleco al la originalo postulis!

Alia allasaĵo pro fideleco estas la konservo de la grafismo de propraj nomoj; Camila, Cardenio, Clori, estos, tial prononcataj: Tsamila, Tsardenio, Tslori. Pro la sama kialo. Lotario devus esti skribita Lotarjo, por eviti la malsaman fonetikon.

La korektado de presprovoj estis vere prizorgita, ĉar mi preskaŭ ne trovis erarojn: Tamen, la enhavigo de erartabelo estus konvena.

Do resumante ĉion, oni povas konsideri ke la traduko de De Diego, estas, kiel ni esperis de li, tre, tre meritoplena. Ĝi signifas la kulminon de intensa kaj streĉa laboro sur malgrata kaj stumbliga grundo, kiu, tamen, fruktigis tre kontentige.

Ĉiuj lertaj esperantistoj ĝojos legante la "Kiĥoton". Ili devos loki ĝin tre alte sur siajn bretarojn: unue, pro la merito de la verko; due, por eviti ke freŝbakitaj lernantoj enmanigu ĝin kaj trovu ĝin heterodoksa; kaj tio tute ne estas!

D-ro R. Herrero





# NOVA EMBLEMO POR SEL

Antaŭ ĉ. 50 jaroj Cecil D. A. Capp, kiu antaŭ kelkaj jaroj mortis, designis la emblemon de SEL.

Problemo estis, ke ĝi devis esti 'skolta', sed tamen, pro leĝaj kialoj, ne povis enhavi la liliflоron, kiel simbolon de skoltado. Li lerte solvis la problemon per uzo de la mano, kiu prezentas la skoltan saluton.

Nun, Melle Hammer, studento en arta akademio, faris novan emblemon, plene konservante, tamen, la ideon de Cecil Capp.

Li faris ankaŭ la bildojn kaj kovrilon por la nova libreto "Vastaj Horizontoj", kiu baldaŭ eldóniĝos en 8 lingvoj. Gi estos valora varbilo por la internacia lingvo en geskoltaj rondoj.

**SUKCESOJ ĈE LA SKOLTINA MOVADO**

Komence de decembro, la prezidanto de SEL faris sukcesplenan viziton al la Monda Oficejo de la Skoltina Movado, en Londono. La nova direktorino de la Oficejo, f-ino Lyn Joynt, plene komprenas la valoron de Esperanto por internacia asocio, kaj eĉ iam lernis iom nian lingvon.

Kiam en aprilo 1977 kunvenos la Monda Komitato, ŝi proponos la akcepton de Esperanto kiel kvaran oficialan lingvon de la Skoltina Movado, post la franca, angla kaj hispana.

**ANTAŬPAROLO DE D-ro L. Nagy.**

D-ro L. Nagy, la ĝenerala sekretario de la Skolta Monda Organizaĵo en Ĝenevo, Svislando, verkis tre pozitivan antaŭparolon por la libreto "Vastaj Horizontoj" de SEL.

La libreto, post kelkaj monatoj, aperos samtempe en 8 diversaj lingvoj. Ĝi havas instigon al, kaj proponojn pri internacia kunlaboro inter geskoltoj, kaj estos valora varbilo por la internacia lingvo.

La prezentado de la libreto okazos dum la Sk. Konferenco en Montreal, Kanado. Momente aperos pere de tri tradukoj en: angla, franca kaj nederlanda, kaj poste en: norvega, japana, itala, hispana, araba; kaj ekzistas eblecoj eldoni ankaŭ en: germana, greka, portugala kaj kataluna.

**LA SKOLTA MONDO**

Nia revueto "La Skolta Mondo", trimonata, atendas vin. Jara abonkotizo: 100 pesetoj. Redaktas s-ro Hans Amund Rosbach, Norvegujo.

# 63-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO





Varno (Bulgario) 1978 07 29 - 08 05
Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando
Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Bul. Ĥistro Botev 97, BG-1303 Sofia

## OFICIALA KOMUNIKO

**Aperis la Dua Bulteno.** Demandojn pri ekskursoj, loĝado, ĉirkaŭkongresaj aranĝoj kaj multaj aliaj kongresaj aferoj respondas la 44 ilustritaj paĝoj plus kovrilo, el kiuj konsistas la Dua Oficiala Bulteno, kiun ricevas ĉiu aliĝinto al la 63-a Universala Kongreso.

**Ankoraŭ karavanoj.** krom tiuj anoncitaj en la Dua Bulteno (belga, brita, franca, okcidentgermana, japana, svisa kaj usona), prezentiĝas ankoraŭ pliaj karavanoj al Varno, el Danlando kaj Svedujo (Komunaj Esperanto-Kongresvojaĝoj, Løvetandsvej 31, DK-2700 Brønshøj, Danlando), El Finnlando (s-ro Pentti Järvinen, Lähdekorvenk. 4, SF-33820 Tampere 82) kaj el Jugoslavio (Esperantsko Društvo, Tavčarjeva 2/II, YU-61000 Ljubljana).

**Ekskursa programo fiksita.** Okazos du duontagaj ekskursoj: la tradicia kongresurba rondventurado kaj vizito al la turismaj kompleksoj Druĵba kaj Zlatni Pjasaci kaj la monĥejo Alaĝa.

Por la ekskursa tago prezentiĝos la malfacila tasko elekti inter kvar allogaj tuttagaj ekskursoj, el kiuj unu vizitos Konstancon kaj Mamajon en Rumanio.

Oni povos elekti inter du postkongresaj ekskursoj: unu iro aŭtobuse de Varno ĝis Sofio tra multaj fascinaj lokoj, i.a. Veliko-Tirnovo, montopinto Stoletev kaj Plovdivo; la alia vizitos Istanbulon, en najbara Turkujo.

**Ĉu superi Budapeŝton?** Jam aliĝis pli ol 2400 kongresanoj, kaj estas tute probable, ke tiu nombro ĝis la fino duobliĝos. Tio signifas, ke la 63-a UK fariĝos la dua plej amasa en la historio de Esperanto. Tiun lokon nun havas la 51-a UK (Budapeŝto, 1966) kun 3975 anoj. Unuan lokon okupas, kaj verŝajne ankoraŭ longe okupos, la 15-a UK (Nurnbergo, 1923) kun 4963 anoj.

**Favoraj kondiĉoj por aŭtomobilistoj.** Eksterlandaj aŭtomobilistoj en Bulgario ne bezonas doganajn dokumentojn por siaj aŭtoj, kaj sufiĉas la ŝofora rajtigilo de la koncerna lando. La blua kaj verda asekurkartoj validas en Bulgario. Oni ricevas senpagan helpon ĉe malgrandaj paneoj, kaj, okaze de akcidento, oni ricevas senpagan kurachelpon ĝis forigo de vivdanĝero. Eblas lui aŭton, eventuale kun profesia ŝoforo, pere de Balkanturist. Oni povas informiĝi ĉe Balkanturist ankaŭ pri benzinrabatoj por vizitantoj ĝis 40 %.

**Cu vizo necesas?** Civitanoj de jenaj landoj ne bezonas vizon por Bulgario: Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Germana DR, Hindujo, Hungario, Islando, Jugoslavio, Ekstera Mongolio, Norvegujo, Pollando, Portugalio, Rumanio, San-Marino, Soveta Unio, Svedujo kaj Tunizio. Aliaj sin turnu al bulgara konsulejo aŭ ambasadejo.



# OMAĜO EN CHESTE AL ELSTARA SAMIDEANO ERNESTO MARTINEZ

La valencia ĵurnalo "Levante", kaj "Esperantista Mikrofono" de "La voz de Valencia" raportis la omaĝon ke la chesta junularo realigis al la simpatia paro Ernesto Martínez kaj Patrocinio Roselló, dankeme pro la penoj por antaŭenpuŝi la kulturan nivelon de la infanaro de Cheste.

Ernesto Martínez estas malnova esperantisto, sekvanto de Francisko Máñez, la pioniro de Esperanto en la iama "Verda Urbeto". Li strebis febre por savi la vivon de Máñez kiam li estis mortkondamnita -pro plibonigi aferoj- ĝis atingo de la feliĉa rezultato, far penoj de la tuta esperantistaro, ĉefe de la zaragoza, tiam ebliga.

La omaĝito ĉeestis en multaj kongresoj de Esperanto, subtenis la chestan klubon kaj klopodis por plibonigi la kondiĉojn de la tiea infanaro.

Tial, la infanoj mem realigis, ĵus, omaĝon al la esperantista paro, pruvante sian dankemon, tiel ke, tuj poste, la tuta loĝantaro ripetis la meritan akton, tiamaniere ke la chesta klubo fariĝis nekapabla por enhavi la multenombran personaron kiu, tial, plenigis la apudajn stratojn kaj placon.

"Boletín" de H. E. F. aliĝas al la omaĝo al samideano Ernesto Martinez, kiu pruvas, per sia estiminda agado, la paralelismon kiu ekzistas inter homaramo kaj esperantismo, laŭ la zamenhofa linio.

La nuna industriigo de Cheste malpliigis la densecon de la tiea esperantistaro, sed, la kvalito de la restantaj samideanoj kompensas, parte tiun malfortecon.

Esperantistoj tiaj kiaj Ernesto Martínez honoras niajn vicojn kaj ni gratulas lin, tiuokaze, dezirante ke li daŭrigos strebante por plibonigi la kulturan nivelon de la junularo de Cheste, urbeto tiel kara al ni, esperantistoj!

CIRANO



# INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ
# 18-a ALVOKO



Dezirante reokazigi la glorajn INTERNACIAJN FLORAJ LUDOJ, kiuj tiel solene okazadis 17-foje en diversaj urboj de Katalunujo, la Kataluna Kunordiga Komitato de la Hispana Esperanto-Federacio invitas, post 42-jara ĉeso, la esperantistajn poetojn kaj prozistojn ĉiulandajn konkuri noble per siaj verkoj en tiu tradicia Beletra Festo kiu, en la trobadora epoko, estiĝis en Tuluzo (Okcitanujo) kaj poste firme enradikiĝis en Katalunujo, kie ankoraŭ nun ĝi vigle persistas, kaj kie unuafoje ĝi eniris en la Esperantan Movadon kiel brila programero de la 5-a Universala Kongreso de Esperanto en Barcelona.

Estos aljuĝitaj la jenaj PREMIOJ:

### POEZIA BRANĈO

1.– NATURA FLORO, al la plej bona ama poemo. (Maksimume 80-versa)

2.– JASMENO, al la plej bona priesperantisma poemo. (Maksimume 80-versa)

3.– VIOLO, al la plej bona humanisma aŭ etika poemo. (Maksimume 80-versa)

### PROZA BRANĈO

PREMIO al plej bona prozaĵo - rakonto, novelo, eseeto.
(Maksimume 2000 - 3000 vorta)

### TRADUKA BRANĈO

Traduki el la kataluna la noveleton verkitan de Pere CALDERS "O ell, o jo", kiu troviĝas, i. a., en la libro "Cròniques de la veritat oculta" (Biblioteca Selecta, volumo n° 170)

Tiu kiu deziras havigi al si la tekston, bonvolu peti ĝin al S-ro Salvador ARAĠAY, str. Bassegoda 40, 3-1. BARCELONA-28

.........................

La Juĝkomisiono aljuĝos, se eble, subpremiojn.
Ĉiu konkursanto bonvolu priatenti la jenan

### REGULARON

1.– La verkojn oni sendu, po 4 ekzempleroj nepre tajpitaj je duobla interspaco, nur ĝis la 31-a de junio nenjara laŭ la poŝtstampo, al jenaj nomo kaj adreso de la Sekretario: Gabriel MORA i ARANA. str. Carrió, 5, 4. MANRESA (Barcelona) Hispanujo.

2.– Ne rajtas konkursi tiuj verkoj antaŭe premiitaj aŭ publikigitaj.

3.– La aŭtoroj ne devas subskribi siajn konkursaĵojn, sed, krom la titolo, ili devas skribi specifan moton aŭ devizon.
Ili enmetu slipon kun siaj nomo kaj adreso en apartan fermitan koverton sur kiu estu skribita la titolo, moto aŭ devizo kaj la elektita branĉo.

4.– Kvankam oni devas konsideri ke ĉiu aljuĝota Premio estos, esence, honora, ĉiu gajninto ricevos, krom Diplomo, valoran esperantan libron aŭ mondonacon, laŭ ebleco.

5.– La Sekretario antaŭsciigos al la ĵus premiitoj la verdikton por ke ili povu ĉeesti la Feston aŭ, male, alekti siajn anstataŭantojn (precipe, la gajninto de la Natura Floro).

6.– La gajninto de la NF simbole oferdonos ĝin al la Reĝino de l'Poetoj.

Sabadell, la 15-an de januaro 1978-a

---

# "FRATECO" Komunikas:

La veterana Esperanta Societo, emfaze solenis la finon de du Esperantaj kursoj, je la komenco de la pasinta Julio. Kursoj por komencantoj k. progresantoj, kiujn gvidis niaj aemideanoj Salete k. Marco, plensukcese. Cento da samideanoj kunvenis tiaokaze por investi la "novulojn" en la idealismaj tradicioj de la interna ideo de nia Zamenhofa Lingvo.

Vicprezidanto Viktor Ortiz alparolis la ĉeestantojn invitante ĉiujn paroli en la Societaj medioj nur Esperante, k. certe li tion atingis facile tiunokte, ĉar ruze li sin helpis per kukoj, dolĉaĵoj k. aragona paroliga vino, kiuj taŭgis por ke ĉiuj decidiĝu kunkanti, tosti k. ĝenerale paroli en nia Lingvo.

La aranĝo estis alte efika, ĉar krom la amuzaĵoj k, peresperantaj distroj, la kunveno iamaniere spegulis nian senton pri idealo homama, praktika k. porpaca. . .

Tre grava por la novaj esperantistoj!!!

**NEKROLOGO.**– Sed ne ĉio estas ĝojoj en nia kolektivo. Kelkaj tagoj post tiu evento, forpasis nia samideano Salvador Morales Sada, unu el la plej elstaraj kamaradoj de nia loka Movado. Esperantisto ĝismedole, montgrimpulo, entuziasma k. idealisma aktivulo, li gvidis multenombrajn esperantajn kursojn k. aranĝojn en nia Societo k. en montgrimpaj medioj. Kiel homo, li estis bonkora, sincera, honesta k. amikema. Gravan perdon por ni!.

Ni prezentas, do, al la edzino k. filoj, nian plej kortuŝan kondolencon.

Ke li pace ripozu!!!

Mk.

# FREDERIKO

De antaŭ ok jaroj, ĉiun sabaton vespere, kelkaj geedzaj paroj kunvenas, dum proksimume kvar horoj, ĉe la geedzoj Paskalo, kie ni pasigas la tempon, vespermanĝas, ridas kaj amuziĝas.

Ekde la unua kunveno, ni elektis tiun hejmon, ĉar nia amiko Paskalo posedas vastan loĝejon; ĝi estas pli granda ol tiu de la aliaj asiduaj geaj paroj.

La edzinoj sidadas en la sufiĉe luksa salono, sur komfortegaj kanapo kaj brakseĝoj. Tie, ili babilas pri modoj, filmoj, vestaĵoj, vojaĝoj, bankedoj, maldikigaj metodoj. . . kaj kritikas (tamen ili diras, ke "komentarias") iun konatinon aŭ najbarinon.

Mi devas atentigi vin, ke la meblaron de la salono oni forĵetis jam tri fojojn, anstataŭigante ĝin per plej modernstilaj salonaj mebloj.

La edzoj preferas kunveni en la biblioteko, kie ni fumas, trinkas ekzotajn koktelojn kaj ni konversacias pri diversaj temoj, ĉu politikaj, ĉu literaturaj, ĉu sportaj. Eĉ ofte ni fervore diskutas. Tamen, ĉiam ni absolute akordiĝas, kiam ni pritraktas virinajn plenkarnajn korpajn siluetojn aŭ pri nia lasta flirtado.

De tempo al tempo, precipe kiam ni rakontas spritaĵojn kaj humuraĵojn, ni ĉiuj -viroj kaj virinoj- ariĝas en la saman ĉambron.

Nia amiko Frederiko estis sensignifa homo: timida, malgrasa, silentema; unuvorte, apenaŭ perceptebla estaĵo. Eĉ kiam li bonvoleme rakontis al ni spritaĵon, la aŭskultantoj restis tute neridemaj, miensurprizitaj, ĉar lia esprimkapablo estis monotona, malgracia, simpla kaj malbunta.

Antaŭ dek monatoj, subite ŝanĝiĝis, transformiĝis, niaj sabataj kunvenoj. Ili ne plu estis tedaj, senpersonecaj, senvivaj. Io nova okazis.

Tiun tagon, jam estis alvenintaj ĉiuj geparoj, eĉ la edzino de Frederiko, tamen, li, ankoraŭ ne. Pro lia neakurata alveno, niaj stomakoj murmuris pro malsateto. Oni atendis lin por surtabligi la manĝaĵon. Ni estis maltrankvilaj. En tiu momento, insista ripeta pordsonorila tintado venigis nin al la akceptejo. La servistino, elirinta el apuda ĉambro, malriglis la pordon. Ŝi tiris la klapegon. La ĉarniro aŭdigis grincon. La hejma pordo estis tute malfermita. Ĉe la sojlo staris Frederiko.

Li altiris ĉies rigardojn: lia nazo estis ruĝa; liaj okuloj briletis; lia vizaĝo montris ridetantan mienon; lia korpo ŝanceliĝis. Ŝajnis neeble! Li estis ebria! Li, kiu estis sobra; li, kiu neniam deziris trinki alkoholaĵojn. Tia situacio prezentis intereson, logon, plaĉon.

Tiu cirkonstanco ŝanĝis la seriozan etoson de niaj sabataj kunvenoj. Ni senpacience atendis revidi denove Frederikon ebria, ĉar tia karakterizaĵo donis reliefan gajan atmosferon.

Tía drinkema stato igis Frederikon babilema, sprita, humura; ŝajnis ke lia menso kaj korpo estis kreskintaj. Li iĝis absolute sincera, kaj antaŭ ni, li eldiris ĉion kion opiniis pri ni kaj pri niaj respektivaj edzinoj. Laŭte li elmontris nian vantan karakteron, imitis nian voĉon kaj iradmanieron, parodiis niajn malvirtojn; kaj kiel naiva infano aŭ sincera poeto, li diris la nudan veron.

Li ne plu estis la sensignifa ulo. Male, li estis kiel brila suno en nia kunvenejo, kaj ni, kiel planedoj de kosma sistemo, ĉirkaŭis lin. Atente kaj gape ni aŭskultis liajn trafajn paroladetojn, lian senkomparan eldiron, lian ridigan spriton. Li ŝajnis giganto antaŭ ni. Li movis nin kiel marionetojn.

Neniu el ni estis supozintaj, ke drinkaĵoj povus transformi tian sensignifan homon, donante al li intelektan spriton, fluan parolemon, filozofiajn eldirojn.

Ni, ĉiuj, perceptis, ke la troa alkoholaĵo baldaŭ estos detruinta lian sanon.

Bedaŭrinde, post dek monatoj de tiu okazintaĵo, Frederiko mortis pro hepata cirozo.

Tuj post la solena kaj malgaja enterigo de Frederiko, el la tombejo, ĉiuj geedzoj iris kune kun la vidvino al ŝia hejmo; kaj tie, ŝi rakontis al ni la tutan veron pri sia edzo. Jen la granda surprizo: Frederiko dum tuta sia vivo neniam estis trinkanta eĉ guton da alkoholaĵo! Ke dum la dek monatoj, kiuj daŭris tiaj gajaj kunvenoj, Frederiko trompis nin; li superbe aktoris; li estis vera rolanto de reala trompaĵo; li eksterordinare imitis ebriulon; li perfekte ludis rolon antaŭ ni; la hejmo de Paskalo estis por li, dum tiu periodo, la teatro kie li ludis sian propran elpensitan teatraĵon.

Li tiel bone ludis kaj sentis la ebrian staton, ke eĉ lia korpo reagis, suferanta malordon en la funkciado de sia hepata organo, kio okazigis la karakterizan malsanon de drinkuloj.

Frederiko, se anstataŭ labori kiel oficisto, li estus estinta aktoro, ĉu vi povas imagi tion kion li estus povinta atingi en la teatra arto?

**Petro Nuez**

## F. A. L. P.

## (FONDO PARA LA ADQUISICION DEL LOCAL EN PROPIEDAD)

Como se hacía constar en el número 215 del Boletín (mayo-junio de 1976), en noviembre de dicho año se terminaron de pagar las mensualidades de 7775 pesetas a la Compañía inmobiliaria vendedora del local de H. E. F. Quedaban sólo los pagos semestrales a la Caja de Ahorros y Monte de Piedad de Madrid (unas 7.500 pesetas cada uno, en los días 25 de junio y 25 de diciembre de cada año), para amortización e intereses de la hipoteca que pesa sobre dicho local. Como el último semestre es el de 25 de junio de 1981, la Federación en la actualidad (31 de diciembre de 1977) tendrá que pagar unas 53.000 pesetas, correspondientes a siete semestres: dos por cada uno de los años 1978, 1979 y 1980 y uno por el 1981.

Para hacer frente a estos pagos, sin gravar la Tesorería de la Federación, es por lo que la Junta Directiva se permite reiterar su ruego a todos los federados para que sigan contribuyendo con la generosidad con que hasta ahora lo han hecho, para dar fin a la idea de dotar a la Federación de un local propio. Dichas aportaciones son aún más necesarias para contribuir a los gastos de escrituración y registro, que en su día habrá que realizar.

---

## EXAMENES DE ESPERANTO CELEBRADOS EN SABADELL, 1977

Resultaron aprobados en el grado "Kapabla Esperantisto":

1 Emanuelo Doval Alvarez, El Ferrol
2 Johano Moretó Reventós, Barcelono
3 Francisko Sánchez Antón, Alicante
4 Josefina Roca Rodríguez, Sabadell
5 Antonia Galbany de Criach, Calella de la Costa
6 Nuria Serrat Garnacho, Sabadell
7 Héctor Viladelmás Urbano, Sabadell
8 Jorge Alvarez Jerez, Sabadell
9 Juan Navareño Fernández, Madrid
10 José Mª Villalba Zurita, Madrid
11 Xavier Benet Pinós, Lérida
12 Pedro Sevilla Martínez, Francio
13 Emilio García Díez, Santander

Y en el grado de "Esperantista Instruisto":

1 Johano Moretó Reventós, Barcelono
2 Juan Navareño Fernández, Madrid
3 Xavier Benet Pinós, Lérida
4 Emilio García Díez, Santander

# *AL FLORENCA*

*Li kun vi:*
*amo, feliĉo, ĝojo;*
*li sen vi:*
*tristo, angoro, soleca vojo. . .*

*Li kun vi:*
*kantoj, kisoj, ridoj,floroj;*
*li sen vi:*
*larmoj, sopiroj, rememoroj. . .*

*Li kun vi:*
*suno, tago, lumo, belo;*
*li sen vi:*
*nokto, doloro, malhelo. . .*

*Li kun vi:*
*iluzioj, mildeco, revoj;*
*li sen vi:*
*malespero, morto, veoj!. . .*

*Li kun vi:*
*maro, ĉielo, printempo, papilioj*
*li sen vi:*
*korvoj, silento, vintro, melankolio. . .*

*Li kun vi:*
*[illegible], ĉiam, ĉio;*
*[illegible]*
*neniu, nenie, neniel [illegible]*

**Petro [illegible]**

Apud la asocio Barcelona Esperanto-Centro, estis inaŭgurita la 19-an de decembro komercan entreprenon "Llibreria Esperanto", kiu celas disvendi librojn pri kaj en Esperanto - strato Carreras Candi 34, Barcelono, T. 240.14.28

D. L. Z.: 375-1963